**REVUO DE ESPERANTO NEDERLAND**

***23a jarkolekto n-ro 2 marto - aprilo 2018***

# Fenikso

**Esperanto Nederland**




*Oude Gracht Utrecht* *Malnova Kanalo Utreĥto*

## Bonvenon al la jarkunveno

# De via redaktoro

En venonta majo okazos la Jarkunveno de Esperanto Nederland. Ni esperas ke multaj membroj partoprenos, ĉar gravaj kaj interesaj temoj estas en la tagordo. La printempo alproksimiĝas: krokusoj kaj narcisoj ekfloradas. Estas la tempo ke ankaŭ jarraportoj abundas: leginda materialo, ankaŭ en ĉi tiu Fenikso. El ĉio montriĝas ke Esperanto floradas en Nederlando. Ĝuu tiujn florojn!

Piet (Petro) Buijnsters




**ESPERANTO NEDERLAND**

**www.esperanto-nederland.nl**

Estraro: **<estraro@esperanto-nederland.nl>**

*Prezidanto:* Said Mozaffari Baluchi,
**<prezidanto@esperanto-nederland.nl>**
tel. 06 84316394

*Sekretario:* Pieter Engwirda, Wighenerhorst 49, 6603 KH, Wijchen. **<sekretario@esperanto-nederland.nl>**
tel. 024-6455133 aŭ 06-22603379
Pri ĝemelaj urboj: **<pieter.engwirda@gmail.com>**

*Kasisto:* Loes Demmendaal, Duikerlaan 160, 2903 AC, Capelle a/d IJssel. **<kasisto@esperanto-nederland.nl>**
tel.010 2133320

*Estrarano:* (i.a. pri instruadaj aferoj): Rob Moerbeek, Zwaansmeerstraat 48, 1946 AE, Beverwijk.
**<rob.moerbeek@esperanto-nederland.nl>**
tel.0251 231079

*Estrarano:* Andries Hovinga, De Fennen 47, 8918 CC, Leeuwarden, tel.06 28916262
**<andrieshovinga@esperanto-nederland.nl>**
Pri sociaj komunikiloj:
**<sociaj-komunikiloj@esperanto-nederland.nl>**

**Membro-administranto**: Koos Scharroo, Vaartweg 24G, 8382 EB, Frederiksoord.
**<membroj@esperanto-nederland.nl>** tel.06 22413267
Bv. informi pri (ŝanĝoj de) poŝtadreso, telefonnumero, retpoŝtadreso, (eks- kaj ali)membriĝo, pagmaniero

Bankkonto: IBAN: NL 10 TRIO 0786 8441 67 nome de Esperanto Nederland, Capelle aan den IJssel.

UEA-konto: esne-h

Informoj pri Esperanto: Ineke Emmelkamp
Arubastraat 12, 9715 RW Groningen
**<info@esperanto-nederland.nl>** tel.050-5718842
Studie-weekeinde:
**<studosemajnfino@esperanto-nederland.nl>**

# Fenikso

**FORUMO DE ESPERANTO NEDERLAND**

**Dumonata membrogazeto de Esperanto Nederland**
ISSN 1384-6515



Membroj de Esperanto-Nederland ricevas la gazeton; la jara kotizo estas € 35,-- (por samdomanoj €12,50); membroj de NEJ pagas € 15,- (ties samdomanoj € 5,--). *Fenikso* estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo € 20,-.

Vidhandikapitoj povas ricevi kasedan version per estrarano Rob Moerbeek.

**Redakcio: <redakcio@esperanto-nederland.nl>**
Piet (Petro) Buijnsters - Peppellaan 6, 6663 EW Lent
tel.024 3656815

**Lingva rubriko:** Emiel van Damme, Albert I straat 44, 1703 Schepdaal, Belgio

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno, Belgio

**Eksterlandaj revuoj:** bv. sendi al Gerrit Berveling, Van Vredenburchweg 435, 2284 TA Rijswijk, Nederlando. (Interŝanĝo kun *Fenikso*).

**Esperanto Publike:** nederlandlingvaj artikoloj kaj mencioj pri Esperanto en ĵurnaloj, gazetoj, radio, televido kaj sociaj komunikiloj (interreto) estas bonvenaj ĉe la redakcio. Bv. mencii fonton, daton kaj aliajn detalojn.

## En ĉi tiu numero (i.a.)

- Invito por la jarkunveno
- Agadraporto de Esperanto Nederland
- Renkontoj kaj kunvenoj
- Aperintaj libro kaj artikoloj
- Ekkonu niajn membrojn

## Datolimo

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la 10a de aprilo 2018.

# Invito

**por la**
**27-a ĜENERALA KUNVENO DE ESPERANTO NEDERLAND**
**okazonta la 26an de majo 2018 de la 10.00a ĝis la 13.00a horo**
**en De Kargadoor, Oude Gracht 36, 3511 AP Utrecht**
tel. 030 – 2310377 www.kargadoor.nl

Membro povas reprezenti maksimume 2 aliajn membrojn, se li/ŝi transdonis subskribita(j)n mandatojn al la registranto ĉe la enirejo de la kunveno.
Alveno ekde la 10.00a horo.

**Tagordo**

01. Malfermo de la ĝenerala kunveno je la 10.30a horo.
Rememoro de la forpasintaj membroj.

02. Fikso de la tagordo kaj envenintaĵoj.

03. Protokolo pri la 26-a ĝenerala kunveno en 2017. La tuta teksto jam aperis en Fenikso 2017/4 paĝoj 9 kaj 10. Kelkaj korektoj jam aperis en Fenikso 2017/6 paĝo 4. Tiu ĉi teksto kun la korektoj estas la oficiala versio.

04. Agadraporto pri 2017.

05. Financaj raportoj pri 2017.
5.1. Raporto de la kaskontrol-komisiono.
5.2. Rezultkonto pri 2017.
5.3. Bilanco je 31-12-2017.

06. Proponoj.
6.1 Propono de la estraro: fikso de la kotizoj por 2019.
La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn.
6.2 Buĝeto kaj Laborplano 2018.
6.3 Prognozo por 2019.
6.4 Propono por kelkaj ŝanĝoj en la Interna reglamento (Huishoudelijk reglement)
**{Vidu la tutan proponon sur paĝo 6}**
6.5 Amsterdama Katedro

07. Elektoj.
7.1. Estraro:
La nuna estraro konsistas el:
* Said Baluĉi, prezidanto, 2017 -2018, (estrarano 2016-2019)
* Pieter Engwirda, sekretario, 2016-2019
* Loes Demmendaal, kasisto, 2016-2019
* Rob Moerbeek, estrarano, (2012-2015+2015-2018)
* Andries Hovinga, estrarano, 2016-2019

Said Baluĉi volas daŭrigi ĝis 2019 kiel prezidanto (voĉdono)
Rob Moerbeek demisias kaj ne deziras reelektiĝi por la nova periodo (2018-2021) krom se estus nenia alia kandidato. Kandidato bonvenas. (voĉdono)

7.2. Komitatano A. La nuna komitatano Loes Demmendaal rezignas do ni devas elekti novan komitatanon.
Said Baluĉi kandidatiĝas kiel Komitatano A, sed nur ekde 2019. Kandidato bonvenas. (voĉdono)

*daŭrigo de la tagordo >>>>>*

(*daŭrigo de la Tagordo*)
7.3 Kaskontrol-komisiono. Nun estas Ans Bakker kaj Rudi Koot kaj rezerve Jeanette Bosse, do Rudi Koot kaj Jeanette Bosse restas. Ni bezonas rezervan membron (voĉdono).

08. Jubileantoj. Ni honoras la membrojn, kiuj festas sian 50-jaran membrecon. Ni mencias la membrojn, kiuj antaŭ 25 jaroj aliĝis al la asocio.

09. Informoj pri diversaj temoj: Ĝeneralaj festoj, studsemajnfinoj ktp.

10. Verloren van Themaat-premio. La ĵurio (Loes Demmendaal, Piet Buijnsters kaj Andries Hovinga) anoncos la rezulton se temos pri aljuĝita premio.

11. Ronddemando

12. Fermo

**Posttagmeze Ward de Kock** prelegos pri *Esperantismo en la nederlandaj tridekaj jaroj*. **Aldone** ni ankoraŭ priokupiĝos trovi **muzikanton** kiu ludos **dum la paŭzo**.

### Aliaj informoj pri la jarkunveno

Madzy van der Kooij protokolos. Tamen ŝi anoncis ke estos por la lasta jaro ke ŝi faros tion. Kandidato bonvenas.

Esperanto Nederland sincere dankas ŝin pro ŝia longtempe kunlaboro. Ankaŭ ankoraŭfoje ni dankas Gerrit Berveling por lia multflanka kunlaboro, ĉefe longtempa redaktado de Fenikso. Remment Balk pro sia preciza kaj multjara administrado de la membraj aferoj estas ankaŭ aparte dankinda. Ilin ĉiujn ni redankos en via ĉeesto.

**Atenton!** Kiel kutime ni havos libroservon kaj eblos mendi ĉe UEA. Oni kunportos la mendojn al la jarkunveno. Eblos speciala oferto por la jarkunveno! La libroservo de UEA proponas al ĉiu mendanto sezonan rabaton (16,6%).

Aŭtoroj povos libere vendi siajn librojn dum la jarkunveno kaj haveblos senpagaj malnovaj libroj de (forpasintaj) membroj. Ankaŭ vi povos donaci viajn legitajn librojn al aliaj. La ne-prenitaj libroj iros al IEI en Hago.




## Korektoj

En la antaŭa Fenikso (januaro/februaro) domaĝe estis kelkaj eraroj:

- En la artikolo pri Instituto Zamenhof en Togolando la IBAN por ĝia fonduso devas esti: NL26 TRIO 078**6** 7782 10 nome de *STF Een school in Togo, Zeist.* Tiuj kiuj vane klopodis donaci monon kaj tiuj kiuj nun ankoraŭ volas donaci, bv. uzi la ĝustan IBAN
- Dufoje la jarnombro estis erara: supre sur la frontpaĝo kaj sur la dorsa paĝo ('Wanneer het volgende studieweekend'): devus esti **2018**

Pardonpetoj por la eventuala malkomforto!

# De la estraro

**La 162-a estrarkunsido** okazis sabate **13/01/2018** en De Kargadoor, Oudegracht 36, 3511 AP Utrecht. Ĉeestas: Said Baluĉi, Loes Demmendaal, Pieter Engwirda, Andries Hovinga, Rob Moerbeek. Prezidis la kunsidon Said Baluĉi kaj protokolis Loes Demmendaal.
Oni traktis jenajn temojn:

**La protokolo de la 161-a estrarkunsido** de la 4-a de septembro 2017 post lingvaj korektoj de Rob estas akceptita.

**Jarkunveno 2018**

Madzy van der Kooij protokolos tamen ŝi anoncis ke estos por la lasta fojo.
Kandidato por 2019 bonvenas.
La sekretario pretigas la detalan tagordon**.** Tamen ĉar ĝi bezonas multan laboron, interkonsenton kun diversaj rolantoj, ricevon de multaj raportoj ktp, provizore ni informas pri la definitivaj decidoj. Pli detalan tagordon ni sciigos poste.

**{Vidu la definitivan tagordon sur paĝo 3}**

**Publika Festo**
La pasinta Zamenhoffesto akiris konsiderindan sukceson. Ankaŭ ĉi-jare ni ŝatus organizi komunan kunvenon kun IEI kaj NEJ. La KKPS estos ĉijare de la 26a ĝis la 28a de oktobro. Ni ŝatus ion organizi kun la temo Kulturo, ĉar 2018 estas deklarita de UEA kulturjaro. Ni estas en kontakto kun la kunlaborantoj.

**Fenikso**
La estraro studinte la financan raporton akceptas laŭ propono de Piet Buijnsters lasi la presadon kaj distribuadon kiel ĝi nun estas. Fenikso, pri kiu nun ni aŭdas pozitivajn aprezojn, povus esti bona rimedo por via propagando:

> Se vi volas ricevi kroma(j)n ekzemplero(j)n por varbaj celoj
> anoncu tion al Loes Demmendaal.

La estraro opinias ke Fenikso aperu rete, post la apero de la papera versio. Sed restas malklare ĉu juraj argumentoj kontraŭas tion. Ni priokupas konsulti sciantajn homojn. Viaj sugestoj tre bonvenas.

**Informilo reta.** Ĝi aperu nur inter la Feniksoj kaj enhavu urĝajn informojn.

**Beneluksa kongreso.**
Beneluksa Kongreso 2018 okazos de la 14-a ĝis la 16-a de Septembro en de Bosberg, Houthalen, Belgio. Informoj: www.esperanto.be/BeneluksaKongreso

**Propono de monsubvencio**
Ni ricevis proponon por uzi EU-monrimedojn por niaj Esperanto-aktivadoj. Momente Esperanto Nederland ne havas planon pri organizi ion internacian.Tamen viaj planoj kaj reagoj bonvenas.

Plezuran legadon! Pli beligu vian revuon per viaj reagoj! Pli vigligu vian estraron per viaj kritikoj!

## Voorstel wijzigingen in Huishoudelijk Reglement
voor de algemene vergadering van 26 mei 2018.

**Lidmaatschap**
***Artikel 1***
1. Naast leden als omschreven in Artikel 7 lid 1 van de Statuten kent de vereniging ondersteunende leden, donateurs **of vrienden** genaamd.
2. Donateurs **of vrienden** betalen - jaarlijks —een **vrijwillige bijdrage.**
3. Donateurs **of vrienden** ontvangen niet het verenigingsblad, maar wel de Nederlandstalige informatie **per e-mail**.
4. Donateurs **of vrienden** hebben toegang tot ledenvergaderingen, waaronder de algemene vergadering, maar hebben geen stemrecht.
*Toelichting: In artikel 1 is toegevoegd het woord 'vrienden'.*
*In artikel 1.2: is de verwijzing naar jaarlijkse bijdrage, die vastgesteld moest worden in de algemene vergadering, vervallen.*

**De boekendienst**
***Artikel 16***
De vereniging exploiteert **geen eigen** dienst voor de verkoop van Esperantoboeken en andere Esperantoartikelen**.** De voorraad en de werkzaamheden zijn overgenomen door Universala Esperanto Asocio.

***Artikel 17***
-**Vervalt**
*Toelichting: aangezien de dienst niet meer bestaat, kan de zinssnede dat er onder de directe veranwoordelijk van bestuur gewerkt wordt, vervallen.*

***Artikel 18 - wordt Artikel 17***
De door Universala Esperanto Asocio **in consignatie genomen b**ezittingen (boeken e.d.) - behoren integraal tot het vermogen van de vereniging.

***Artikel 18***
***D*e penningmeester heeft jaarlijks contact met Universala Esperanto Asocio over de verkochte bezittingen van Esperanto Nederland.**

**De verenigingsbladen**
***Artikel 23*** 'behoudens hetgeen in art.6 is bepaald over huisgenoten***' vervalt***

***Artikel 24***
1. De vereniging verzorgt de uitgave van **Nederlandstalige** informatie. Alle donateurs **of vrienden** ontvangen deze **per e-mail**.
24.2 en 24.3 – ongewijzigd.
*Toelichting: net als in artikel 1 is ook hier het woord 'vrienden' toegevoegd en het woord 'per e-mail'.*

***Artikel 25***
3. Het Leerstoelfonds.
Verantwoordelijk voor de instandhouding en financiering van de Leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto aan de Universiteit van Amsterdam is **de vereniging Universala Esperanto Asocio te Rotterdam.**
Middels de jaarlijkse begroting verleent de vereniging Esperanto Nederland daarvoor financiële steun aan **Universala Esperanto Asocio**
Het Leerstoelfonds heeft tot doel de Leerstoel extra te ondersteunen ten behoeve van activiteiten die het bestuur van de vereniging voor de ontwikkeling van Esperanto van belang acht.
De verantwoordelijkheid voor de besteding van de middelen van het fonds berust bij het bestuur van de vereniging. De penningmeester van de vereniging beheert de middelen.
Jaarlijks wordt door het bestuur aan de leden van de vereniging en aan de begunstigers die geen lid zijn van de vereniging, schriftelijk verantwoording afgelegd.
*Toelichting: voorheen was verantwoordelijk de Stichting Internationaal Esperanto Instituut te 's Gravenhage.*

**Media prijs**
***Artikel 26***
1. De vereniging kent een mediaprijs, die de naam 'Verloren van Themaatprijs' draagt en die jaarlijks kan worden toegekend aan de persoon die in een jaar de beste informatieve bijdrage over het talenprobleem en/of Esperanto heeft doen publiceren in landelijke, regionale **en sociale** media.
26.2 t/m 26.5 ongewijzigd.

# De la katedro

## La Zamenhofa Heredaĵo en la Muzeo pri la Judoj en Pollando

En la tagoj 13-15 decembro 2017 en Varsovio okazis esplorateliero pri la Zamenhofa heredaĵo inter judismo kaj Esperanto en la Muzeo POLIN, kies celo estas gardi la memoron de la judoj kiuj vivis sur la pola sojlo. La konstanta ekspozicio de la mil jaroj de juda historio en tiuj teritorioj – kiu ja okupas 1000 kvadratajn metrojn da spaco – konstruiĝis sur la originalaj ŝtonoj de la strato kiu hodiaŭ portas la nomon de la fondinto de Esperanto, Zamenhof, en la centro de la juda kvartalo, ne malproksime de la juda tombejo kie troviĝas interalie multaj membroj de la familio Zamenhof.

La dato elektita por la ateliero tute ne estis hazarda: la ĉefa organizanto, Federico Gobbo, de la Universitatoj de Amsterdamo kaj Torino, volis festi la heredaĵon de Zamenhof la Zamenhofan Tagon de la Zamenhofa Jaro, tio estas la 15an de decembro 2017. Kune kun la kolegino Liliana Ruth Feierstein, de la Universitato Humboldt en Berlino kaj de la Centro de Judaj Studoj en Berlino kaj Brandenburgo, la du fakuloj zorgis inviti esploristojn konatajn je monda nivelo pri esperantologio kaj judaj studoj, kaj aparte pri *Yiddishkeit*, tio estas Jideco.

La figuron de Zamenhof oni analizis ekde diversaj perspektivoj pri multaj aspektoj rilataj al lia duobla projekto lingva kaj religia-filozofa, alivorte Esperanto – inkluzive de la variaj pra-Esperantoj – Hilelismo (la religia parto) kaj Homaranismo (la filozofia parto).

Paralele al la esplorateliero, kiu estis organizita laŭ invito do sen ekstera publiko, Federico Gobbo pretigis publikan lecionon en la angla kie li legis diversajn originalajn poemojn en Esperanto kaj eltirojn el la Zamenhofa verkaro, kun oportunaj komentoj, montrante kiom aktuala ja estas la homaranisma filozofio nuntempe.
Ĉiuj informojn menciitaj supre estas je dispono en la sekva retpaĝo (en la angla):
http://www.polin.pl/en/event/is-it-possible-for-all-people-to-speak-the-same-language

Federico Gobbo (Amsterdamo / Torino)



tahelaĵo Muzeo POLIN

### Ĉeesto Esperanto Nederland ĉe eventoj okaze de la Zamenhof-jaro

La 11an de decembro 2017 en sidejo de UNESKO en Parizo okazis memorkonferenco por la centa datreveno de la forpaso de L.L. Zamenhof. Andries Hovinga ĉeestis nome de Esperanto Nederland. Okazis diversaj prelegoj. Temoj: tutmondiĝo, interreto, Unesko-Kuriero kaj "kiel statas Esperanto, cent jarojn post la morto de Zamenhof?"
Resumoj vi povas legi en tiu-ĉi paĝo: https://esperanto-france.org/jaro-Zamenhof.

# Aperinta




*Moed van het hart* (*'Kuraĝo de la koro'*) de aŭtorino *Joke Wams ('Feino Blanka')* estas la epopeo pri kelkaj familioj kiuj sub gvido de la heroino de la rakonto klopodas venki la malnoblan tiranmagiisto de kiu ili rifuĝis. Dum la revojaĝo al li por forĉasi lin, ili travivas multajn aventurojn kaj ankaŭ renkontas afablan popolon kiu parolas Esperanton kaj plue helpas ilin.
Eldono: www.boekscout.nl

### Nederlandaj ĵurnalartikoloj ankaŭ en Esperanto

Jam plurajn jarojn *Toon Witkam* tradukas en Esperanton elstarajn artikolojn, i.a. pri politikaj, ekonomiaj kaj sociaj temoj, kiuj aperis en landaj nederlandaj ĵurnaloj: *Volkskrant, NRC,* kaj aliaj. La artikoloj donas bonan impreson pri aktualaĵoj kiuj rolis kaj rolas en diversaj landoj kaj krome montras ke oni per Esperanto povas esprimi ofte komplikajn aferojn. La retejo per kiu oni senpage kaj sen ensaluto povas legi la artikolojn estas: www.artikoltraduk.nl.
Varman rekomendon fari tion!

Kelkaj artikoloj:
- EU kontraŭ Pollando
- Malfeliĉa pro Facebook? Tiam pli da Facebook!
- Eŭropo devas zorgi pri la morala ekvilibro
- Artefarita inteligenteco
- Mem fari falsan novaĵon
- Sauda virino finfine povas montri sin
- Xi volas fari Ĉinion la plej grava lando de la mondo
- Trarompu la enmigrado-tabuon

# Recenzo

### Plu pioniras la inĝeniero Toon Witkam

Kiel maŝintradukisto inĝ. Toon Witkam jam estis konata kiel la iniciatinto de la internacie fama programo "Distribuita Lingvo-Tradukado" (DLT). En tiu projekto Esperanto rolis kiel perilo inter du naciaj lingvoj. Poste Toon daŭrigis sian tradukaktivadon, tradukante ĉefe el nederlandaj ĵurnaloj. Dece li menciis, ke inspiris lin la laboro de Hermano Lutermano, kiu regule tradukas la tutan "Le Monde Diplomatique". Kompreneble helpas al Toon aŭtomata tradukado per Guglo. La tradukitaj artikoloj estas plene kompreneblaj. Ne ofte okazas glitoj kaj estas precipe nederlandismoj, kiujn la maŝino ne evitas. Pri ilia internacia komprenebleco juĝu alilingvuloj.Por kontentigi la bezonojn de hazardaj vizitantoj Toon uzas majusklojn ĉe vortoj kiel *Esperantistoj, Angla, Reagana* k.s.; uzas "konatajn" anglaĵojn kiel "*hardliners*", foje kun Esperanta klarigo: *brain drain* (*klerul-elmigrado*) aŭ en piednoto. Ĉio ĉi por plialtigi la ŝancon ke ne-esperantisto povos almenaŭ interesiĝi pri artefarita lingvo kiu pritraktas nuntempajn temojn. Kiel ajn, káj la kvanto káj la kvalito meritas niajn atenton kaj respekton, ankaŭ pro la zorga elekto de aktualaj socie valoraj tekstoj. Certe estontaj historiistoj profitos!

Rob Moerbeek.

Eble mi estas ĝenata pro la vintro, kiu daŭras tro longe, ĉar mi denove prezentas kelkajn versojn elektitajn el la poemo 'Provencaj Ferinotoj' de Henri VATRÉ (1908-1998), aperinta en "Esperanto Antologio. Poemoj 1887-1981".

---

**La trunkokriplaj**
**miljaraj olivarboj**
**abunde fruktas.**
**Ĉe mi nur pajlodone**
**draŝiĝas magraj garboj.**

**Ni alten grimpas**
**pocole kaj sen hasto**
**sur roko kruta.**
**Ĝis fore sin etendas**
**turistimuna vasto.**

**Odoroj varmaj**
**el fumo, kafo, vino**
**kaj pano blonda,**
**kun la pupiloj ardaj**
**de tiu junedzino.**

**Prizone muras**
**nun preme la ĉielo.**
**Ho, kun vi fuĝi**
**sub la meridianoj**
**de bunta pluvombrelo !**

**Gregemaj steloj**
**pilgrimas laktavoje**
**al kiuj celoj?**

De met verminkte stam
duizendjarige olijfbomen
dragen overvloedig fruit.
Bij mij, alleen om stro te geven
worden gedorst magere garven (bundels).

We klimmen hoog
duim per duim en zonder haast
op een steile rots.
Tot ver strekt zich uit
een ruimte immuun voor toeristen.

Warme geuren
van rook, koffie, wijn
en blond brood,
met de vurige ogen
van die jonge echtgenote.

Als een gevangenis ommuurt
nu drukkend de hemel.
Ho, met jou vluchten
onder de meridianen
van een bont regenscherm !

Samenbundelende sterren
pelgrimeren op de melkweg
naar welke doeleinden ?

----------------

**PRI LA POEMO**

**Versoj 1-3 La trunkokriplaj**
**miljaraj olivarboj**
**abunde fruktas.**

**trunkokriplaj**= kun kriplaj trunkoj, alivorte: ili ne plu havas rektajn nek harmonie kurbajn trunkojn.

Pro kio tiuj olivarboj havus tiajn kriplajn trunkojn?
Certe pro sia aĝo ili travivis multe da veter-agresoj.

**miljaraj**

Ĉu olivarboj povas iĝi ĝis pli ol mil-jaraj?
Iuj olivarboj estas tiom grandaj, ke oni konsideras ilin pli aĝaj ol miljaraj. La aĝo de arbo estas kalkulata laŭ ĝiaj jar-ringoj. Tiel sciencistoj en 2012 kalkulis ke la plej aĝa olivarbo en Hispanio estas 627-jara. Estus mirinde°, ke arboj tiom aĝaj povus ankoraŭ frukti. *verwonderlijk*

**abunde**

= donas fruktojn pli ol necesas.
El kiu franca vorto? '*abondance*'

**Versoj 4-5. Ĉe mi nur pajlodone**
**draŝiĝas magraj garboj.**

**pajlo**

= aro° da sekigitaj° tigoj° *verzameling; gedroogde; twijg*
kaj folioj° de kultivplantoj (PIV) *blad*

**draŝi**

= treti aŭ bati rikoltitan° grenon°, *geoogst; graan*
por malfiksi kaj apartigi la grajnojn (PIV).

**garbo**

= fasko° de falĉita° greno aŭ *bundel; gemaaid*
tranĉitaj° vegetaĵoj° (PIV). *afgesneden; plant*

Ĉe la aŭtoro oni draŝas magrajn garbojn.

Kia klimato estas do ĉe li hejme?
Malvarma klimato, li estas sviso.

**Versoj 6-8 Ni alten grimpas**
**pocole kaj sen hasto**
**sur roko kruta.**

Kial '**alten**' kaj ne 'alte'?
La -n indikas movon° kun celo°, *beweging; doel*
do akuzativa formo.

**pocole**
= en ritmo de ± 3cm ĉiufoje.

**kruta**
= kun forta deklivo°. supren aŭ ne. *helling*

Kia estas tiu grimpado entute?
Ege malrapida, malfacila, eble danĝera kaj eĉ riska !

**Versoj 9-10 Ĝis fore sin etendas**
**turistimuna vasto.**

Kial tiu vasto estus imuna por turistoj?
Probable ĉar la loko estas tiom malfacile atingebla, ke vizitantoj estas raraj.
Ĉiaokaze tio ne ŝajnas ĝeni la aŭtoron!

**Versoj 11-15 Odoroj varmaj**
**el fumo, kafo, vino**
**kaj pano blonda,**
**kun la pupiloj ardaj**
**de tiu junedzino**

Jen ege surpriza kontrasto kun la antaŭaj versoj! Kio okazis?
Klare ni forlasis la antaŭan ĉirkaŭaĵon !
De la naturo la atento nun iras al la aferoj kiujn la homo faras kaj kiuj agrabligas la vivon.
Kien ni alvenis° nun? *aankomen*
Ien, kie aperas junedzino kaj la atento klare... koncentriĝas al tiu preciza persono ! *van iedereen*
Kio speciale ĉe ŝi altiras ĉies rigardon?
Ŝiaj ardaj pupiloj !

**blonda=?**
= helflava aĵo, ekz. blonda biero, blondaj haroj, blondaj kornspikoj°. *korenaar*
Kroma rimarko pri tiuj versoj:
Notindas la aparta **sono-harmonio** de la vortoj !

**Versoj 16-20 Prizone muras**
**nun preme la ĉielo.**
**Ho, kun vi fuĝi**
**sub la meridianoj**
**de bunta pluvombrelo !**

Jen nekutima omaĝo al pluvombrelo !
Post pripenso, tamen, tute komprenebla.

**fuĝi =?**
forkuri por...
savi sin de reala aŭ imagata danĝeron (PIV).
Oni rekonas la radikon 'fuĝ' de la franca 'fugitif'.
Ĉu vi akceptus la **fuĝintojn** en via domo?

**Versoj 21-23 Gregemaj steloj**
**pilgrimas laktavoje**
**al kiuj celoj?**

**gregemaj**
= tiuj, kiuj emas° *geneigd zijn*
kolektiĝi° en grego°. *bijeen te komen; kudde*
Komparinde: oni povas esti laborema, kolerema, babilema, manĝema ktp°. *kaj tiel plu*
Ĉu tiaj gregemaj steloj vere ekzistas en la realo?
Eble pro ia altira forto° *aantrekkingskracht*
de la masoj?
Eble jen la imago° de la poeto? *verbeelding*
Oni prefere komprenu, ke al ni ili povas aspekti en gregoj. Homoj emas atribui° *toekennen*
tiajn kvalitojn al aĵoj° por ilin... *dingen*
kvazaŭ° personigi. *als 't ware*

**pilgrimi** = vojaĝi
a) kun religia celo al loko konsiderata kiel sankta
b) por respektoplene° viziti *vol respect*
arkitekturajn ĉefverkojn°. *meesterwerken*
Bona islamano devas unufoje en sia vivo pilgrimi al Mekko.
Kial tia verbo? Ĉu tio direblas/dirindas ankaŭ pri steloj?
Jen poezia interpretado°! *voorstelling*
Kial la poeto elektis tian verbon?
Verŝajne la beleco kaj la grandeco de la spektaklo emocias° lin tiom, ke li *ontroert*
deziras esprimi tion per specialaj vortoj. Ĉi tie la imago de la poeto flugas libere kaj fantaziplene, sed la ideo estas certe bele alloga. *aantrekkelijk*

**al kiuj celoj?**
Ĉu iu iam scios tiun tuton?
Ĉu ne jen iom stulta demando?
Certe ne. Ĝi formas la lastan strofon de la poemo. Rigardi la stelojn ŝajnas plie okupi la poeton kaj ili sugestas ĉe la poeto ekzistencialistan demandon pri la celo de la movado de la steloj en la lakta vojo, eĉ de la galaksio, ni aŭdas la eĥon de demando, kiun

pensanta homo iam en sia vivo devas starigi pri la celo de sia vivo.

**Ĝenerala impreso pri la poemo**
Relegante la poemon post la supra analizo de kelkaj strofoj, oni pli bone konscias kiom la poeto povas sugesti pere de simplaj vortoj kaj simplaj versoj.
Krom tio, la regula reapero de eta rimo en ĉiu strofo sufiĉas por doni al la tuto duoblan ĉarmon.

**PLIE PRI IUJ UZITAJ VORTOJ**
**Kruta** (verso 8)
= preskaŭ vertikala.
Ŝtuparo° tro kruta aŭ kruta **vojo** *trap*
malkonsilindas por kiaj personoj?
por maljunuloj, por kriplulojº. *gebrekkigen*
Ili malfacile moviĝas egale supren aŭ malsupren.
En kiu eŭropa lando ekzemple, kelkaj vojoj estas vere **krutaĵoj**?
en Svislando.
Kiajn pneŭ (matik)ojn oni prefere uzu sur tiaj krutaj vojoj?
**antiglitpneŭojn**

**Esti imuna de/kontraŭ io** (verso 10)
Por ke ni ne tro facile malsaniĝu, nia organismo devas esti rezista/imuna kontraŭ certaj mikroboj.
Kio estas ekzemple la utilo de gripvakcino?
Ĝi utilas por **imunigi°**... *immuniseren, beschermen*
kontraŭ la gripo.
En figura senco: esti imuna de kritiko.
Interkrampe kaj iom humure: ĉu iu povas esti imuna de ĉia eraro, alivorte: erarimuna? Ĉu ekzistas ia vakcino kiu imunigas kontraŭ eraro?
Ĉu ekzistas **ligno°** imuna kontraŭ fajro? *hout*
Kiel **fari ion akvimuna°** aŭ **pluvimuna**? *waterdicht*
=surfacon nepenetreblan per akvo?
Analoge: **brulimuna°**, **rustimuna°**. *brandvrij; roestvrij*

**Grego** (verso 21)
Plej ofte rilatas al kio?
al bestoj kiel ekz. bovoj, bovinoj, ŝafoj, elefantoj kaj aliaj.
Kiuj bestoj estas plej gregemaj?
Malfacila demando !
Kial la pasantoj **emas°** **kun<u>gregiĝi</u>** ĉe ia akcidento? *geneigd zijn*
pro **scivolemo°** aŭ **helpemo**. *nieuwsgierigheid*
Ĉu ia **gregemo** ĉe homo estus io surpriza°? *verrassend*
Certe ne, ĉar homoj ĝenerale malamas° *haten* solecon° kaj izolitecon°. *eenzaamheid; afzondering*
Gregano° kaj grega spirito° *kuddemens; kuddegeest*
havas pli pejorativan sencon.

**Stelo** (verso 21)
Por ni la vorto 'stelo' ne ĉiam sugestas tion, kion ni vidas en la ĉielo dum klara nokto. Ekzemple?
a) En astrologio la vorto temas pri astro, rigardata kiel influanta la sorton de homo.
Pro tio: Esti naskita sub... favora stelo.
Io estas skribita... en la steloj.
b) Kelkfoje ni ankaŭ referencas per tio al homoj: stelo estas iu, kiu staras en la centro de la interesiĝo (ekz. li estas la stelo de la vespero), aŭ iu, kiu estas fama (ekz. kinostelo).
c) Aŭ ni pensas pri la formo, ekz. io kvinpunkta-stela aŭ ankaŭ, kaj ege grave, la verda stelo de la esperantistoj.

**KELKAJ LERNINDAJ ZAMENHOFAĴOJ**
**Pri frukto** (verso 3)
1) **Frukto malpermesita estas... plej bongusta.**
*Laŭvorte: Verboden vrucht is uiterst smakelijk.*
*Verboden vruchten smaken het lekkerst.*
Tion povas nur scii iu, kiu ĝin gustumis.
2) **De semo putra venas... frukto ne nutra.**
*Laŭv.: Van rot zaad komt een niet voedzame vrucht.*
Kiam la subaj estas speciale dirataj **pri homoj**?
3) **Laŭ la frukto oni... arbon ekkonas.**
*Aan de vrucht herkent men de boom.*
Laŭ la infanoj oni trovas trajtojn de la gepatroj.
4) **Ne falas frukto... malproksime de l' arbo.**
*De appel valt niet ver van de boom.*
Ĉu ankaŭ vi, kara leganto, rekonas ĉe vi mem ecojn° aŭ kondutojn de viaj gepatroj? *eigenschappen*
5) **Lernado sen frukto ne... restas.**
*Laŭv.: Het leren blijft niet zonder vrucht.*
Alivorte
Kiu lernas, profitas. Do bona instigo° *aansporing*
por okupiĝi pri Esperanto.
6) **Scienco havas semon enuan, sed... frukton bonĝuan.**
*Laŭv.: Wetenschap heeft vervelend zaad, maar een smakelijke vrucht.*
La unuaj kontaktoj kun ia scienco ne ĉiam estas agrablaj, sed ili tamen donas rezultojn.
Alivorte? La ĝuado° ne necese estas *genot*

tuja°, sed ĝi povas veni poste. *onmiddellijk*

**Pri pano** (verso 13)

1) **Akvo kaj pano servas... al sano.**
*Laŭv.: Water en brood dienen de gezondheid.*

Jen rimiĝanta konsilo° por eviti malsanon ! *raad*

Kiam tio speciale dirindas°? *is waard te zeggen*

Fakte jen amuza pledado° por *pleidooi* sobreco°. *, soberheid.*

2) **De tro da pano... venas malsano.**
*Laŭv.: Van te veel brood komt ziekte.*

Ĉu vere?

Certe ĉia troigado° kondukas al *overdrijving* problemoj.

3) **Instruas mizero manĝi panon.. sen butero.**
*Laŭv.: De miserie leert brood zonder boter te eten.*

Mizero devigas° iun *verplicht iemand*
disvolvi° iajn° kvalitojn! *ontwikkelen; zekere soorten*

Komparu: El la mizero fari virton.
*Van de nood een deugd maken*

4) **Kie estas pano, ne mankas... panpecetoj.**
*Laŭv.: Waar er brood is, ontbreken de kruimels niet.*

Kaj alivorte?

Kiu havas ion povas certe ian parteton doni.

5) **Kie pano estas,... tie musoj ne mankas.**
*Laŭv.: Waar er brood is, ontbreken de muizen niet.*

Dirinda en kia situacio?

Ĉia interesa aĵo povas altiri aliulan° *andermans* atenton.

6) **Kiu serĉas marcipanon,... perdas sian panon.**
*Laŭv.: Wie marsepein zoekt, verliest zijn brood.*

Ni pli bone kontentiĝu pri tio, kion ni havas.
Eble direblas pri tiuj, kiuj troige deziras plej altan kvaliton?

7) **Mi panon ne esperis,... subite kuko aperis.**
*Laŭv.: Ik hoopte niet op brood, plots verscheen een koek.*

Jen feliĉega ulo ! Dirinda en kia situacio?

Kiam la situacio multe pliboniĝas.

**Pri edzino** (verso 15)

Zamenhof ŝajnas kelkfoje havi konservativajn ideojn pri la rilato inter viroj kaj virinoj.

1) **Esti sub la ŝuo... de sia edzino.**
*Laŭv.: Onder de schoen van zijn echtgenote zijn.*

Ĉu ne estas strange ke ekzistas esprimo pri viro kiu nenion povas decidi? Kvazaŭ estus tute normale ke edzinoj devas iam obei sian edzon.

2) **Se edzino ordonas,... domo ordon ne konas**
*Laŭv.: Als de echtgenote beveelt, kent het huis geen orde.*

Ideo kiu bone ilustras la antaŭan Zamenhofaĵon !

**Pri ĉielo** (verso 17)

1) **Aliloka ĉielo estas... sama ĉielo.**
*Laŭv.: De hemel op een andere plaats is dezelfde hemel.*

Sed la herbo estas vere pli verda sur la alia flanko de la monteto!

2) **En nome de l' ĉielo, sed... pro bono de l' felo.**
*Laŭv.: In de naam van de hemel, maar ten gunste van het vel.*

Oni dankas la ĉielon por tera ĝuo°. *aardse geneugten*

3) **Kiu rigardas la ĉielon,... maltrafas sian celon.**
*Laŭv.: Wie naar de hemel kijkt, mist zijn doel.*

Ĉu Zamenhof avertus nin, ke ni ne tro revu? Atentu pri kio vi estas faranta, se vi volas sukcesi!

4) **Pura ĉielo fulmon... ne timas.**
*Laŭv.: Een klare hemel vreest de bliksem niet.*

Bela ideo! Kiu ne havas pezan konsciencon, kiu ne portas kulpon sur la ŝultroj, povas pace° *in vrede* dormi.

*Amuza kroma ekzerceto:*
*Relegi la nederlandlingvajn tradukitaĵojn kaj lerni ilin flue retraduki esperanten.*

**TRADUKEKZERCOJ.**

**Solvo de la antaŭa.**

**1)** Nia naturo petas mov(ad)on, la plena ripozo/kvieteco estas la morto. (Pascal).

2) Oni enuas preskaŭ ĉiam kun la personoj, kun kiuj oni ne rajtas/povas enui.

**3)** Ĉiuj kredas kaj neniu kredas: la unua kaj la dua eraras. (Seneca).

**4)** Kie estas multe da lumo, estas multe da ombro.

**5)** Kiu vivas en bonfarto/bonhavo, devas fari al si zorgojn por eviti esti enviata.

**6)** Neniu mielo sen laboro. Nenia salajro nek kompenso sen ke nenia peno por ĝi estus farita.

**Nova.**

**1)** Als je op weg naar Denemarken steeds meer Spaans hoort praten, heb je de verkeerde afrit genomen.

**2)** De x-stralen werden uitgevonden door iemand die onbekend wilde blijven.

**3)** Als je een raam openzet, komt er frisse lucht binnen. Als iemand anders het openzet, komt er tocht binnen.

**4)** Iedereen heeft wel iets dat hij beter kan dan een ander; meestal is dat het lezen van zijn eigen handschrift.

**E. Van Damme**

# Ekkonu niajn membrojn

## Kees Bos



Kiam vi lernis Esperanton?
Mi komencis lerni Esperanton en 1986.

Kiamaniere vi lernis Esperanton?
Ĉe la universitato de Amsterdamo mi sekvis kursojn de Rob Moerbeek.

Kial vi lernis Esperanton?
La ekmarŝado de la angla instigis min partopreni en la multe pli bona solvo por la lingvoproblemo en la mondo.

Kiujn aliajn lingvojn vi parolas/konas?
La nederlanda estas mia denaska lingvo. En la lernejo mi lernis la francan, la anglan kaj la germanan. El tiuj mi plej bone regas la germanan. Krome mi regas la svisgermanan, la lingvon kiu estas parolata en Zuriko, la kantono el kiu devenas mia edzino.

Kion vi faras pere de Esperanto?
Mi vizitis plurajn Universalajn Kongresajn kaj mi estis estrarano de IEI.
Nuntempe mi okupiĝas precipe pri literaturo kaj tradukado kaj la diskutado pri tiuj en kunvenoj kun aliaj Esperantistoj.

Kromaj informoj
Mi naskiĝis en 1940 en Utreĥto, la urbo en kiu mi ankoraŭ ĉiam loĝas.
Mia profesio estis konsilanto pri urboplanado kaj universitata docento pri tio.
Ekde la sepdekaj jaroj ĝis nun mi partoprenas en grupoj da enloĝantoj de Utreĥto kiuj agadas por pli loĝebla urbo.
Cetere mi okupiĝas pri la filozofio de Spinozo.

## Gerda Dercks

Mi naskiĝis en Bergen op Zoom je la 27a de julio 1944 kaj mi havis Esperantajn gepatrojn.
Ili ofte invitis Esperantistojn kaj pro tio mi jam frue aŭdis pri la lingvo Esperanto.
En la elementa lernejo mi iomete lernis Esperanton.
Kiam mi estis 11 jara mi iris kun mia patrino kaj gefratoj al Almelo.
Tie estis Esperanto grupo. Mi partoprenis la kunvenojn por pli bone lerni Esperanton.
Mi daŭrigis studi en U.L.O.-lernejo kaj mi ankaŭ lernis francan, germanan kaj anglan lingvojn.
Poste mi iris al pedagogia lernejo en Enschede por fariĝi etulinstruistino kaj mi instruis post la ekzameno en diversaj lernejoj.
Ankaŭ mi instruis bekflutadon kaj post la instruado en etullernejo mi ankaŭ instruis muzikon al junuloj kaj kantis multe. Ankaŭ mi kantas en koruso.
Poste estis en la televido lecionoj pri Esperanto kaj mi sekvis ilin.
Ankaŭ mi ŝatas instrui Esperanton al diversaj homoj kaj mi studis.
Mi iris al kurso de Cseh-metodo kaj faris ekzamenon kaj sukcesis la 16an de junio 2003.
Poste mi instruis Esperanton al agraraj virinoj.
Ofte mi iris kun mia patrino al diversaj Esperantaj kongresoj kaj aranĝoj.
Post la morto de mia patrino mi sole iris al diversaj Esperantaj aranĝoj.
Ankaŭ mi kantis en internaciaj korusoj dum kongresoj.

Amikajn salutojn de Gerda Dercks el Almelo.

# Renkontoj kaj kunvenoj

## En Nederlando

- Dimanĉon, la 11an de marto: Jean Jacques Wintraecken pri:
  Ĉu kapteblas la tempo? - Pri tempomezurado tra la jarcentoj
  Dimanĉon, la 8an de aprilo: Ronald Nobel pri Eŭropo kaj demokratio
  en Hotel de Koopermoolen en Amsterdamo, Warmoesstraat 3-5.
  **La Amsterdama Rondo**
  Komenco: 12:15 h.
  Informoj: tel.020 6946073 (Peter) aŭ tel.023 5242643 (Bert)
- La 16an, 17an kaj 18an de marto
  **Studosemajnfino.** Informoj: vidu paĝon 15 kaj la dorsflankon de ĉi tiu Fenikso.
- La 6an, 7an kaj 8an de aprilo en Congrescentrum Dennenheul, Ermelo denove okazos **Semajnfino de Nosobe**, la asocio de vidhandikapitoj.
  Ankaŭ aliaj homoj bonvenaj. Informoj kaj aliĝoj: eliselauwen@gmail.com

KLUBKUNVENOJ

- **Esperantoklubo 'Zamenhof' Nijmegen**
  en Wijkcentrum Hatert, Couwenbergstraat 22, Nijmegen. Komenco: 20 h.
  Merkredon, la 14an de marto: muziko tra la jarcentoj
  Merkredon, la 11an de aprilo: programo de Theo Peters
  Informoj: tel.024 3882926 (Jan Bemelmans) aŭ tel.024 3656815 (Piet Buijnsters)
- **Esperantoklubo 'EKE' Eindhoven**
  en De Uitwijk, Gen.Pattonlaan 124, Eindhoven. Komenco: 20 h.
  Merkredon, la 21an de marto: Komputila programo vortinstrua
  Merkredon, la 18an de aprilo: Koloraj rakontoj
  Informoj: www.dse.nl/~eke/ aŭ tel.040 2113344 (Jeannette Bosse)
- **Esperantoklubo Alkmaar**
  en De Alkenhorst, Schelfhoutlaan 4, Alkmaar.
  Lundon, la 19an de marto: Printempa manĝo (vespere)
  Lundon, la 16an de aprilo. Komenco: 20h.
  Informoj: tel.0223643781 (Marijke Lathouwers)
- **Esperantoklubo Noord-Nederland**
  en W.Dreesstraat 1 Groningen. Komenco: 19:45 h.
  Ĵaŭdon, la 8an de marto: Jarkunveno
  Ĵaŭdon, la 22a de marto, la 5an kaj la 19an de aprilo: distraj paroladoj
  Informoj: http://pingveno.nl/klubo aŭ tel.050 5718842 (Ineke Emmelkamp)

## En Germanio

De la 5a ĝis la 9a de marto tutsemajna intensa lingvokurso por komencantoj kaj parolemuloj en la Esperanto-Centro en Herzberg/Harz.
Temoj: situacioj en la ĉiutaga vivo.
Informoj: esperanto-zentrum@web.de

## En Francio

De la 20a ĝis 28a de aprilo 2018 okazos la 8a staĝo PRINTEMPaS en la Esperanto-kastelo Greziljono: kursoj, prelegoj, KER-ekzamenoj.
Informoj: gresillon.org/printempas
Aliĝo: gresillon.org/aligho

## En Belgio




Informoj kaj aliĝo:
www.esperanto.be/
BeneluksaKongreso

## Ankaŭ en Francio




De la 2a ĝis la 7a de Majo: varia programo: kunkantado, prezentadoj, prelegoj, muziko (i.a. Kajto kaj La kompanoj) kaj...abundaj manĝoj.
Informoj kaj aliĝo: esperanto-gironde.fr
klodin@esperanto-gironde.fr

# Kio okazis

### Zamenhof-memorkunveno en pola ambasadejo






La 15an de decembron 2017 en la pola ambasadejo en Hago (Den Haag) okazis memorkunveno por Zamenhof. Gemembroj de la ambasado faris prelegon pri la historio de Bjalistoko kaj Esperanto, pianisto ludis *La espero*, Katalin Kovats prezentis Esperanto-provlecionon kaj Kajto-duopo kantis. Ĉeestis ĉ.30 personoj el sep nacioj.

### Librokafejo ĉe Internacia Esperanto-Instituto

Ĉiun kvaran dimanĉon de la monato Internacia Esperanto-Instituto (IEI) en Den Haag organizas t.n. Librokafejon: oni pridiskutas faman Esperantolibron kaj per ĝi stimulas la paroladon de Esperanto. Je la 28a de januaro temis pri la libro *Viktimo* de *Baghy*, je la 25a de februaro pri la libro *Vivo vokas* de *Engholm*. Pli da informoj per www.iei.nl

# El la agadraporto de Esperanto Nederland pri 2017

La kompleta agadraporto ampleksas ok paĝojn. Tial en ĉi tiu Fenikso nur la rimarkindaj eroj el ĝi.
Oni akiros la kompletan raporton per retpoŝto aŭ per elŝuto el la retejo www.esperanto-nederland.nl
Paperan ekzempleron oni ankaŭ povos ekhavi dum la venonta jarkunveno aŭ peti de la sekretario.



**UEA**

Loes ne povis ĉeesti la Universalan Kongreson en Seulo kaj ne trovis anstataŭanton. UEA ankaŭ por la jaroj 2017 kaj 2018 antaŭvidas deficitojn. Oni opinias konkretajn atingojn (kiel Unesko-Kuriero-n kaj Amikumu-n, AMO-seminariojn) pli efikaj ol deklarojn aŭ teoriajn argumentojn. 2018 estas la 'Jaro de Esperanto Kulturo'. La kostoj de la Katedro estas €20.000 jare. En 2018 Esperanto-Nederland subtenos per maksimume €10.000. De 2019-2023 la estraro proponas pagi €3000 jare. Donacoj tre necesaj.
*Raportis Loes Demmendaal, Komitatano A por Nederlando*



**Sekcio Alkmaar**

La sekcio havis 27 membrojn. Okazis 10 klubvesperoj, meznombra partopreno: 13 personoj. Krome okazis komuna manĝado kaj sponsora biciklado. Diversfoje la ĥoro Malvo prezentis sin (i.a. dum la jarkunveno de Esperanto-Nederland kaj dum la Zamenhoffesto en decembro). Kurson partoprenis 5 komencantoj. La kluba bulteno *FromaĝoklOŝo* aperis kvar fojojn. La klubo havas kontakton kun KAE en Kiliba, Kongolando.
*Raportis Marijke Lathouwers*



**Esperanto Klubo Eindhoven**

La klubo havis 16 membrojn. Okazis 10 klubkunvenoj, meznombra partopreno:10 personoj. Dum ili ni faris diversajn ludojn, Korine Cheizoo prezentis filozofium-adon, Mischa la valoron de la leĝo de Moore. En decembro agrabla Zamenhofvespero. Krome okazis tradiciaj someraj subĉielaj ekskursoj: en junio la Esperanto-Grupo Essen invitis nin en Gelsenkirchen. Tie ni vizitis la piedpilkajn stadionojn, la belan parkon kaj ekspozicion en mineja liftoturo.
En septembro ni kun esperantistoj el Germanio kaj Belgio lunĉis en arbar-dometon kaj poste vizitis la abatejon *Postel* kun ĉicerono de la abatejo.
*Raportis Jeannette Bosse*



**Esperantoklubo Helmond**

Dum 2017 la Helmonda Esperantoklubo kunorganizis la TRE-PEKE renkontiĝon en septembro en Veldhoven, kaj ni subtenis kontakton kun la EKE-konversaciogrupo en Nuenen.
Ni prizorgas kontaktdatumojn en lokaj kaj regionaj komunikiloj.
*Raportis Twan Gremmen*



**Sekcio Noord-Nederland**

La klubo havis 30 membrojn, en la tri nordaj provincoj. Ni vespere kunvenis 16 fojojn kaj krome 3 fojojn en la mateno. Johan Swenker post 25 jaroj eksiĝis kiel prezidanto. Dum la klubvesperoj ni priparolas plej diversajn temojn. Peter van der Velde estis fama poeto el Roden, ankaŭ esperantisto. Por la biblioteko ni tradukis poemojn de li. Korine Cheizoo faris ĉe ni Filozofiumadon. En decembro ni havis luksan kaj festan tetrinkadon. Partoprenis 16 gastoj ankaŭ el aliaj provincoj. Dum ĝi Frank van Hertroij faris prelegon pri 'Ekstersunsistemaj planedoj'.
*Raportis Ineke Emmelkamp*

**Esperantoklubo Zamenhof Nijmegen**



La klubo havis 12 membrojn. Mortis nia membro Pieter van Zonneveld. Meznombre 8 personoj partoprenis en la 9 vesperaj kunvenoj.
Dum ili okazis variaj programoj, faritaj de la membroj. Krome ekzercoj pri la lingvo kaj gramatiko. Ankaŭ ĉe ni Korine Cheizoo faris la ludon Filozofiumado. Tagmeza kunveno estis en Overasselt, la loĝloko de nia pej aĝa membrino, kie ankaŭ estas muzeo de antikvaj agrikulturaj iloj kaj loĝejoj. Dum la Zamenhofvespero ni parolis pri la origino de la nomo Zamenhof kaj kantadis. Regule aperis Nia Bulteno por kiu ankaŭ geklubanoj verkas.
*Raportis Piet Buijnsters*

**Sekcio Haarlem**



La klubo havis 11 membrojn. Entute okazis 18 kunvenoj en la hejmo de Tanja van Huis. Dum la kunvenoj oni parolas pri diversaj aferoj, sed ankaŭ fariĝas lingvaj ludoj aŭ prezentiĝas temo. Dum kursofoiro en la Harlema biblioteko ni havis informstandon. Ankaŭ kelkaj gekursanoj tie deĵoris. Ili finis la kurson por komencantoj kaj daŭrigas per kurso por progresantoj. Ankaŭ nova kurso por komencantoj komenciĝis. La semajnfinajn kursojn gvidas Bert de Wit kaj Rob Moerbeek.
*Raportis Bert de Wit*

**La Amsterdama Rondo (LAR)**



La kunvenoj okazas en la centro de Amsterdamo (Warmoesstraat). La plejparto de la ĉeestantoj (inter 12 kaj 20) ne venas el Amsterdamo, sed el aliaj lokoj, eĉ el Usono, Irano kaj Ĉinio. En 2017 ni kunvenis 11 fojojn. Ofte estis prelegantoj: i.a. Leston Bueel pri kuirado, Miko Kuin pri la lumdiodo, Korine Cheizoo faris la ludon Filozofiumado, Ward de Kock pri Wytze Nutters, kunfondinto de FLE, Guilherme Fians pri sia antropologia esploro, Ulrich Lins pri sia libro 'La danĝera lingvo', Frederico Gobbo pri sia prelego, Katalin Kováts pri 'Ekparolu'. Krom prelegoj okazas ludoj.
*Raportis Bert de Wit*

**NGGE**

NGGE havas 14 membrojn kaj pro tio unu komitatano de ILEI. Dum kunvenoj ni traktis krom lingvajn demandojn ankaŭ literaturon, i.a. el 'Korea Antologio de Noveloj'. Regule aperis 'NGGE Sciigas'. La komitatano en Koreio aktivis en la jubilea, 50-a Kongreso de ILEI.
NGGE povis informi ILEI pri jenaj kursoj en Nederlando: retkursoj, ĉeestaj kursoj/konversaciaj rondoj en Groningen, Nimego, Harlemo, Beverwijk, Lejdeno, Roterdamo, la katedro en Amsterdamo, IEI en Hago, kursosemajnfinoj de Esperanto Nederland kaj Nosobe.
*Raportis Rob Moerbeek*

**Katedro Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo**

(Resumo de) la jarraporto aperos en la sekvonta Fenikso.
Jam nun akirebla per
http://www.esperantic.org/wp-content/uploads/2015/09/IpI_102-Final.pdf (vd. ĉapitro 7)

**Eŭropa Esperanto-Unio (EEU)**

Ineke Emmelkamp ĉeestis la EEU-kunvenojn dum la Germana Esperanto Kongreso en Freiburgo.

**Zamenhoffesto**

*{vidu la raporton en la antaŭa Fenikso}*

**Ĉeesto Esperanto Nederland ĉe eventoj okaze de la Zamenhof-jaro**

*{vidu paĝon 7}*

*daŭrigo de la resuma agadraporto>>>>*

### Informado

La informpetoj plej ofte venis per la reto. Mi forsendis 87 kovertojn kun informmaterialo. Membroj ricevis materialon por uzado por propagandaj celoj. Ankaŭ granda kvanto da informmaterialo disdoniĝis dum la Drongo-festivalo en Utrecht. Ralph Schmeits preparas novan eldonon de *Esperanto=zo op zak.*
*Raportis Ineke Emmelkamp*

### Studosemajnfinoj

Okazis du studsemajnfinoj en 2017. La unua en Stevensbeek (3-5 marton): tie partoprenis 37 studantoj. Instruis: Fransuaz Pellegrin, Roel Haveman, Bert de Wit, Katalin Kováts kaj Arjen-Sjoerd de Vries. La dua (13-15 oktobron) en Krikkenhaar (Bornerbroek): tie partoprenis 29 studantoj. Instruis: Said Balouchi, Bert de Wit, Piet Buijnsters, Federico Gobbo kaj Roel Haveman.
Arjen-Sjoerd de Vries, Lilian van der Burgt kaj Ineke Emmelkamp estis la organizanta teamo; Loes Demmendaal kaj Marieke de Haas asistis en la kuirejo.
*Raportis Ineke Emmelkamp*

*{Vidu paĝojn 15 kaj 16 pri la venonta semajnfino}*

### Sociaj komunikiloj

La sociaj komunikiloj de Esperanto Nederland konsistas el:
- Facebook: http://www.facebook.com/esperanto.nederland
- Twitter: https://twitter.com/EsperantoNL
- Youtube kanalo: https://www.youtube.com/channel/UC3iL5s2-V-OGGUPKKSJA68g
  (serĉu 'Esperanto Nederland')

Ni diskonigis preskaŭ ĉiutage ĉiajn informojn, ekz. eventojn en Nederlando kaj proksimaj landoj, nove lanĉitajn kursojn aŭ apojn, interesajn/amuzajn bildojn aŭ filmetojn, ktp. Cetere ni respondis al privataj mesaĝoj pri Esperanto senditaj per la fejsbuka mesaĝilo.
*Raportis Andries Hovinga*

*<<<<fino de la resumo de la agadraporto>>>>*

## Revuoj ricevitaj

**Norvega Esperantisto**, Japana mozaiko; Lerni Esperanton per Esperanto? – *bela artikoleto por montri, ke la rekta metodo taŭgas*; **Kontakto** 2017/5, 2017/6: Veganismo, la konscia dieto kaj vivstilo, kiu plej multe populariĝas; Mortpuno; Bestaj rajtoj – homaj rajtoj; Linukso – Esperanto de la operaciumoj; Blogo de vilaĝa kuracisto; Trejnista heredaĵo por TEJO; Unua IJK en Afriko; Historio de la vestaĵoj en Burundo; **La Sago/la Sat-Amikara Gazeto**, 118, 119:Libro vivas pli longe ol unu sezono; Galeruloj kaj galeroj sub la regado de Ludovikito la 14a; La defio vivi kaj krei; Vegane kuiru; *recenzo pri Tagoj kaj ruinoj trafis min* – pri Jaume Grau Casas – taglibro dum restado en pluraj koncentrejoj post la hispana landa milito; **La Revuo Orienta,** nov 2017, dec 2017: Marko Lins (filo de Ulrich): Esperanto-historio de mia familio; Hanzeh Shafiee – el Irano: Esperanto kaj mi; aparta eldonaĵo aldonita: Katalogo de la Libroservo de JEL, *kiu ankaŭ mencias plurajn tradukaĵojn de mi*; **La Lanterno Azia** de Korea Esperanto-Asocio, dec 2017; Aŭtuna Kurso de la 35a Namkang Esperanto-Lernejo; Kongreso dormas, Kuriero viglas – pri inter aliaj Kongresa Kuriero de la Seula UK 2017; **Nova Irlanda Esperantisto** jan-feb 2018: Artikolo pri la kulmino de la Zamenhof-jaro; Kirasitaj plantoj; **Esperanto-aktuell** 2017/6: Teilnehmer des europäischen Weiterbildungsprogramms Erasmus+ in Herzberg-Sieber; Europaprojekt per Esperanto in Herzberg; Das Land, wo die Zitronen blühn; San Marino; Libro pri Kristfesto; Medienecho – *bela utila artikolo*.

Gerrit Berveling

## Konigu vian urbon

Ĉu vi loĝas en Rijswijk, Almere, Doetinchem, Heiloo, Uden aŭ en alia urbo aŭ vilaĝo?
Ĉu ĝi jam estas en la interreta enciklopedio eo.wikipedia.org ?
Se via loko ankoraŭ *ne* estas en Vikipedio, aŭ se mankas informoj, bv. respondi la subajn demandojn (prefere en Esperanto, sed povas ankaŭ en la nederlanda lingvo).
Ni tiam metos la respondojn en Vikipedion. Foto(j)n de vidindaĵo(j)n tre bonvena(j).
Demandaro:
*Kiel nomiĝas via urbo/komunumo? Kiom da enloĝantoj ĝi havas?*
*Al kiu provinco ĝi apartenas? Kiel nomiĝas la urbestro?*
*Kiuj vidindaĵoj estas en via urbo/komunumo? Kiuj gravaj historiaj eventoj okazis en ĝi?*
*Kiuj gravaj eventoj (pri sporto, muziko, teatro, ktp.) regule okazas?*
*Kun kiuj urboj via urbo/komunumo havas ĝemeliĝon ('stedenband')?*
*Ĉu en via urbo/komunumo estas Esperanto-klubo aŭ Esperanto-grupo?*
*(Evt. aliaj interesaĵoj)*

## Esperanto Studieweekend

### 16, 17 en 18 maart 2018

Er zijn al heel wat aanmeldingen binnen voor het studieweekend op 16 t/m 18 maart 2018. Er zijn nog plaatsen beschikbaar, maar als je zeker wilt zijn dat je kunt deelnemen, wacht dan niet te lang met je aan te melden!

Het programma van dit weekend volgt het vertrouwde patroon. Vrijdagavond komen we aan en is er tijd om oude vrienden te ontmoeten en nieuwe te leren kennen. Niet te laat naar bed, want zaterdag wacht een intensief programma van in totaal vijf lessen, van 's ochtends tot in de avond. 's Avonds is er gelegenheid om uit te rusten, te kletsen, spelletjes te doen enzovoort. Soms is er ook nog een korte voorstelling of lezing. Zondag gaan de lessen verder, maar als het weer het toelaat wordt de laatste les vaak vervangen door een gezamenlijke wandeling (uiteraard met begeleiding in het Esperanto!). Het programma is om een uur of drie 's middags afgelopen.

Er wordt op vier niveaus les gegeven. Bij de aanmelding geef je je niveau op: absolute beginner, bezig met een beginnerscursus, beginnerscursus net afgerond, gevorderde. Het team van docenten bestaat deze keer uit Fransuaz Pellegrin-Balza, Bert de Wit, Said Baluĉi, Federico Gobbo en Roel Haveman. Allemaal bekende en ervaren Esperanto-docenten, dus je bent verzekerd van een uitstekend lesprogramma!

Als cursusgebouw hebben we weer het natuurvriendenhuis Krikkenhaar afgehuurd, in de buurt van Almelo. Dat is ons de vorige keer prima bevallen: een mooie omgeving, voldoende slaapplaatsen, grote gemeenschaps- en lesruimtes, een goed uitgeruste keuken. Tijdens het hele weekend staat de keukenploeg voor ons klaar. Zij zijn maar met zijn tweeën, dus er is wel wat hulp van de deelnemers nodig bij het tafeldekken en opruimen.

Wij zullen alles voorbereiden voor een geslaagde bijeenkomst, maar uiteindelijk zijn het de deelnemers die er echt een succes van maken. Daarom hopen we jullie in groten getale in Krikkenhaar te verwelkomen!

Ineke, Lilian, Arjen-Sjoerd

studosemajnfino@esperanto-nederland.nl

http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php

*Dum la studsemajnfino aĉeteblas libroj. Yves Nevelsteen (el Antverpeno) prizorgos FEL-libroservon. Ĉu vi deziras mendi speciala(j)n libro(j)n? Faru tion en la retbutiko de FEL www.retbutiko.net Petu ke Yves kunportos ĝin/ilin kaj vi ŝparas la altajn sendokostojn.*




# ESPERANTO Studieweekend

**Voor wie** Als je nog nooit Esperanto hebt geleerd, of jouw Esperanto is nog niet zo goed als je zou willen, ben je van harte welkom.  Er wordt op verschillende niveaus les gegeven. De nadruk ligt op het oefenen van het spreken in Esperanto in kleine groepen.
**Wanneer** Het volgende studieweekend vindt plaats op 16, 17 en 18 maart 2018.

**Waar**  Natuurvriendenhuis Krikkenhaar, Krikkenhaar 11, 7627 PA  Bornerbroek. De **kosten** voor dit studieweekend bedragen € 75,- pp. (leden van Esperanto Nederland en NEJ € 65,- pp.) In de prijs zijn inbegrepen: lessen, het overige programma, overnachtingen, maaltijden, koffie en thee tussen de lessen.

De **deelnemersbijdrage** van deze bijeenkomst is laag. We willen iedereen een kans geven om deel te nemen. Wil je een extra financiële bijdrage leveren, geef dan aan op het aanmeldingsformulier met wat voor bedrag je de bijeenkomst wil steunen. Elke bijdrage is welkom
**Meer informatie** en het aanmeldingsformulier staan op de website van Esperanto Nederland:
**http://esperanto-nederland.nl/ned/studieweekend.php**
of zijn te verkrijgen bij Ineke Emmelkamp (zie colofoon op pag.2)




FENIKSO
23a jarkolekto, n-ro 2
marto - aprilo 2018
*Eventueel retouradres:*
Esperanto Nederland
Ledenadministratie
Vaartweg 24G, 8382 EB,
Frederiksoord, Nederland

